# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO
41a JARO — JANUARO 1949

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

DIREKTORO : Maur. JAUMOTTE
44, De Bruynlaan, 44
WILRIJK

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :
— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) —

## ĈIUJ AL BRUĜO JE PENTEKOSTO

La fino de la jaro 1948 alportis al ni, kiel niaj legantoj legos en la sekvantaj folioj, gravan baton per la perdo de nia ŝatata vicprezidantino F-ino Antoinette Jennen, kiu, post vivo preskaŭ plene dediĉata al nia movado, forlasis nin post malsano longa, sed kiu tamen ne povis malhelpi ke ŝi ankoraŭ ĉeestu la feston honore de nia malnova amiko S-ro Mathieux, la profesoro kiu instruis al ŝi Esperanton.

Tiu sama periodo aliflanke alportis al ni ĝojigan novaĵon : La Grupo de Bruĝo informis nian estraron, novjardonace, ke ĝi aranĝos la Belgan Kongreson dum la proksimaj Pentekostaj tagoj.

Tiu ĉi fakto estas duoble ĝojiga : ĝi donos al ni la okazon refoje viziti la ĉarman urbon Bruĝon; sed ĝi ankaŭ alportas al ni la pruvon, ke la Bruĝa grupo fine kaj venke restariĝis de la longa letargio, kiu trafis dum kaj tuj post la milito, niajn diversajn grupojn kaj el kiu, unu post alia sed unu kun pli da malfacilaĵoj ol alia, restariĝis aŭ restariĝas nun.

F-ino Y. Thooris, honora prezidantino, kaj S-ro Poupeye, prezidanto, estas, kun la grupa komitato, la garantiantoj de la organizo de tiu Kongreso, kaj tio sufiĉas por ke ni, de nun jam, povu anonci al nia membraro, ke la Kongreso en Bruĝo estos granda sukceso por nia Ligo.

Inter ĉiuj belgaj manifestacioj, la diversaj renkontiĝoj organizitaj de la Bruĝa Grupo okaze de kongresoj, festoj, jubileoj, ĉiam altiris gravan simpatiantan ĉeestantaron el ĉiuj anguloj de la lando.

Kaj ni do ne povas dubi ke, post la tiel bela Kongreso en Charleroi, ĉiuj ĉeestintoj kaj, kun ili, ankoraŭ multaj aliaj malnovaj kaj novvarbitaj samideanoj, volos kunesti en tiu rea kunvenigo de la belga samideanaro.

Por tiu Kongreso, grava Honora Kolono jam enskribiĝis.

Ke tiuj, kiuj ne jam aliĝis, do tuj faru sian devon kaj ke ili, sammomente kun sia kotizo al sia grupo, al Belga Ligo kaj al la internacia movado, ankaŭ pagu la kotizon al la Kongresa Komitato.

Ju pli frue la L. K. K. efektive havos ideon pri la ekzakta nombro de ĉeestontoj, des pli trafe kaj malmultekoste, ĝi kapablos preni la diversajn aranĝojn.

Ke en la diversaj grupoj, la gvidantaro helpu memorigi sian devon al siaj membroj kaj invitu ilin al multopa kunvojaĝo al belaj labor- kaj festotagoj en Bruĝo, kiu, por ni Esperantistoj, devas esti kaj resti : Bruĝo la Vivanta !

Maurice JAUMOTTE.

Artikels in 't Vlaams en in 't Frans, blz. 3 en 5.
Articles en français et en flamand, pp. 5 et 3.

## ANTOINETTE JENNEN
1878-1948



Nia Belga movado suferis grandan perdon. F-ino Antoinette Jennen forpasis la 22an de Novembro 1948.

Ŝi estis honora lernejestrino; ŝi estis ordenita de la unuaklasa civila Kruco, de la Medal o memoriga pri la centa datreveno de la Sendependeco kaj de la oraj palmoj de la Krona Ordeno.

Ŝi naskiĝis en la jaro 1878 en Reckheim (Limburgo) kaj dum la tuta vivo konservis fidelan amon al sia naskiĝprovinco.

Ŝi estis instruistino en Saint-Gilles (Bruselo) kie disvolviĝis ŝia tuta kariero. Ŝi fariĝis lernejestrino, kaj pro aĝa limo, forlasis tiun postenon en la jaro 1937.

Sed la plej grandan parton de sia vivo ŝi dediĉis al Esperanto.

Ŝi lernis nian lingvon dum kurso gvidata de S-ro Mathieux, en Saint-Gilles, en la jaro 1911. Ŝi vigle interesiĝis pri ĝi kaj pri nia movado.

Baldaŭ ŝi gvidis oficialajn kursojn en Saint-Gilles.

La unua mondmilito interrompis ŝian laboron, sed F-ino Jennen ĝin reprenis, organizante la unuan postmilitan Belgan kongreson en Saint-Gilles, en la jaro 1921. Ŝi starigis kaj prezidis Esperantan Grupon, kiu kunvenis en tiu Brusela antaŭurbo. Tiu grupo, poste, havis sian sidejon en Bruselo mem, kaj nun, nomiĝas Esperantista Brusela Grupo.

Al ĝi, F-ino Jennen restis ĉiam fidela. Kiam ŝi forlasis la prezidantecon, la membroj nomis ŝin « Honora Prezidantino ».

Ŝi reprezentis sian grupon en la administrantaro de Belga Ligo. Post la lasta milito, ŝi fariĝis Vic-Prezidantino de nia nacia organizaĵo. Ŝiaj opinioj estis ĉiam atente aŭskultataj dum la kunsidoj, kiujn ŝi regule ĉeestis.

F-ino Jennen multe ŝatis la eksterlandajn vojaĝojn. Multajn landojn ŝi vizitis kun F-ino Obozinski, eks-lernantino fariĝinta ŝia plej intima amikino.

Kune ili ĉeestis preskaŭ ĉiujn Internaciajn Kongresojn de Esperanto. En pluraj, ŝi oficiale reprezentis la Belgan registaron. Ili krome faris ĉiujare alian grandan vojaĝon, kiu donis okazon propagandi Esperanton survoje, kaj poste, en la Grupo, rakonti la travivaĵojn.

Intertempe, ŝi ne restis malaktiva; ŝi propagandis senĉese, en kunvenoj, en gazetoj, per personaj vizitoj, k.t.p.

Vere oni povis diri de ŝi : « Neniu tago sen poresperanta agado. »

Dum la lastaj monatoj, ŝia sanstato difektiĝis; ŝi eliris nur malofte, kaj la lastan fojon ŝi estis inter ni okaze de la festeno organizata la 30an de Oktobro por festi S-ron Mathieux.

Subtenata de preskaŭ superhoma forto, ŝi venis, kvankam malsana kaj malforta. Ŝi venis kaj leviĝis por mallonga parolado, ĉar ŝi nepre volis danki S-ron Mathieux, kiu iam estis ŝia esperanto-profesoro kaj enkondukis ŝin en la Esperanto-movadon. Ŝi volis danki lin pro ĉiuj travivaĵoj kiujn ŝi ĝuis dank'al li; ĉar la plej belajn rememoraĵojn el sia vivo ŝi ŝuldis al nia movado.

Ni kondukis ŝin al la lasta ripozejo, la 25an de Novembro.

Bela krono, kun verda rubando, lasta saluto de la Esperantistoj, ornamis la mortveturilon.

Ŝia memoro restos inter ni, kiel tiu de sindona samideanino, kiu ĉiam nelacigeble sekvis la rektan vojon.

**P. KEMPENEERS.**

## ANTAŬ KVARDEK JAROJ

Ordigante malnovajn dokumentojn, venis en miajn manojn malnova numero de « Belga Esperantisto », monata revuo, redaktita de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, L. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

La surskribo estas « Unua jaro, n-roj 1-2, novembro-decembro 1908 ».

Ĝi estas 40paĝa kajero, kun 4paĝa kovrilo.

Mi ĝin malfermis kun vigla intereso.

Ĝi rakontas pri la tiamaj okazintajoj, pri la 4a Internacia Kongreso, pri ekzameno de profesora kapableco kiun brile sukcesis F-ino Maria Posenaer kaj S-ino F. Staes-Van de Voorde, pri sukcesoj de nia lingvo en diversaj landoj kaj ankaŭ pri la idista skismo, kiu okazigis rompon en la Belga movado; pri la protokolo de la ĝenerala kunveno okazinta la 20an de Septembro 1908, dum kiu la Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, S-ro Komandanto Ch. Lemaire forlasis sian postenon, pri la elekto de S-ro Van der Biest-Andelhof kiel nova Prezidanto.

La ĉeestantoj tiam voĉdonis tagordon, per kiu ili decidis :

Ke verki kaj enkonduki reformojn estas la tasko de la Lingva Komitato kaj de la Akademio;

Ke ili daŭrigos ageme la propagandon por la Zamenhofa Esperanto kies evoluon fiksos la diritaj aŭtoritatoj.

La sekvo montris ke tiu decido estis saĝa.

Ido ne plu ekzistas : ĝin mortigis tiuj, kiuj senĉese volis « plibonigi » ĝin. Esperanto pluiris sian vojon. Ĝi evoluis por adaptiĝi al modernaj konceptoj. Sed tiun unuan kajeron de « Belga Esperantisto « ni povas legi kaj kompreni same facile kiel la nunan.

Nun, post kvardek jaroj, ni havu pian penson pri tiuj pioniroj, kiuj malgraŭ ĉiuj atakoj, ne ŝanceliĝis kaj konservis vivaj nian lingvon kaj nian Ligon.

« Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
» Nek batoj de l'sorto, nek mokoj de l'homoj,
» Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
» Gi estas, la voj'elektita. »

(La Vojo.)

**P. K.**

## AANBEVELINGEN

Prachtige ontdekkingen en uitvindingen, als bij voorbeeld deze gedaan door Kristoffel Colombus en Pasteur, de spoorweg, de Eifeltoren, hebben beroemde tegenstanders gevonden, van wie het oordeel sterk beïnvloed was door beroepsmisvorming.

Zo ging het ook met de internationale hulptaal-gedachte. Doch, denkers die niet toegeven aan de aandrang of aan beroepsmisvorming, oordelen anders en op objectieve wijze.

Voorbeelden :

Leibnitz (1646-1716), wijsgeer, universeel geleerde, uitvinder van de vruchtbare infinitesimaal-berekening. In 1903 (Parijs, F. Alcan) heeft Louis Couturat een deel der handschriften van de grote wijsgeer uitgegeven, die bewaard werden in de bibliotheek van Hannover. Leibnitz is er voorstander van een gesproken en geschreven internationale taal, met eenvoudige spraakleer, en waarvan de woordenschat zou geput zijn in het Latijn.

Nietsche (1844-1900), wijsgeer. In « Menselijk, te menselijk », zegt hij : « Daar de handel van dag tot dag meer cosmopoliet wordt, en dat, bij voor- » beeld, een goed handelaar van Londen zich van nu af aan (1876) moet » kunnen mondeling en schriftelijk verstaanbaar maken in acht talen, zo zal » men erkennen dat de studie van verscheidene talen een noodzakelijk kwaad » is geworden. Maar het zal eindigen met het mensdom — aldus tot het » uiterste gedreven — te dwingen een middel te vinden; en in een toekomst » zo ver af als men maar wil, zal er voor iedereen een nieuwe taal zijn, die » eerst zal dienen als een middel van verbinding voor de handel, dan voor » de intellectuelen betrekking, zo zeker als er eens een luchtvaart zal zijn. »

Tolstoï (1928-1910) : « Opdat de mensen zich verstaan, moeten ofwel al » de talen zich vermengen in één enkele, wat alleen zou kunnen gebeuren na » lange tijd, ofwel al de mensen alle talen kennen, ofwel alle natiën een gemak- » kelijke internationale taal hebben. Dit schijnt me het verstandigst en het » best te verwezenlijken. »

Generaal Leman, de held van Luik in 1914, mathematicus, lid van de Belgische Academie (1851-1920). In een artikel uitgegeven kort na de oorlog door « La Belgique Coloniale », drukt Leman zich uit als volgt : « De uitvin- » ding van Zamenhof (Esperanto) is, op het gebied der betrekkingen in gans » de wereld, de grootste van alle; zij is geroepen om de wereld te vernieuwen » op economisch gebied, en de algemene productie te vermenigvuldigen met » een buitengewoon groot coëfficient... De onverschilligheid op dat gebied is » waarlijk bedroevend, en bewijst, meer nog dan de oorlogen, de hatelijke » barbaarsheid waarin het mensdom nog is verzonken. De XX[e] eeuw moet » zulke misdadige ketterij doen verdwijnen. »

D'Arsonval, Bazu, Daniel Berthelot, Gaston Bonnier, Bigourdan, Generaal Bourgeois, C. Breton, J. Carpentier, Charpy, Constantin, Deslandres, Admiraal Fournier, Gosset, Janin, Lallemand, Maurice Leblanc, Lecornu, Lindet, Lumière, Prins van Monaco, Charles Moureux, Generaal Sebert, Fernand Widal, allen leden van de Franse Academie voor Wetenschappen, hebben, in 1921, een openbare verklaring gepubliceerd ten gunste van het gebruik van Esperanto in de internationale wetenschappelijke congressen, en in de wetenschappelijke en technische publicaties bestemd voor de vreemde.

Tristan Bernard : « Indien een Fransman met Engelsmannen moet rede- » twisten, en hij is het Engels niet volmaakt machtig, dan doet hij best het te » laten voorkomen alsof hij er niets van af weet; de anderen zullen trachten » Frans te spreken, en de Fransen zullen de superioriteit der taal hebben. » Maar indien de Engelsen ook de superioriteit willen behouden, dan zal men » elkander met verhevenheid en waardelijk beschouwen, zonder iets te zeggen. » Ziedaar waarom ik esperantist geworden ben. »

**Vertaald door M. DE RIJCKE.**

---

## NEKROLOGO

En 1948, mortis en Antverpeno, du iamaj bonegaj kunlaborintoj de la tiea grupo « La Verda Stelo », nome S-ro A. Wauters kaj S-ro Max Bolsius, kiuj, kiel kasisto kaj kiel komitatano, dum multaj jaroj ludis gravan rolon en nia Antverpena sekcio.

Al ambaŭ vidvinoj kaj al la aliaj familianoj, ni prezentas la esprimon de nia profunda kunsento.

---

## L'ANGLAIS LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

La langue anglaise est encore à la mode. A la libération, quiconque avait suivi un cours d'anglais s'est servi de ce qu'il en avait retenu, pour être agréable aux nombreux soldats anglais et américains qui séjournèrent dans les pays libérés. Dans tous les ports du monde, les marins trouvent des vitrines portant l'inscription « English spoken ». L'anglais n'est d'ailleurs pas la seule langue baragouinée dans les ports.

La grammaire anglaise est plus simple que celle de la plupart des autres langues européennes; on ne peut cependant pas dire qu'elle est parfaite.

En 1887, l'« American Philosophical Society » a étudié la question d'une langue auxiliaire internationale. Elle a conseillé aux chercheurs de constituer une langue ayant une grammaire très simple, « à la manière de la langue anglaise ». Mais en même temps elle déclarait que la langue auxiliaire doit être composée d'éléments puisés dans l'anglais, l'allemand, l'espagnol, le français, l'italien et le russe, **et qu'elle doit être entièrement phonétique.** Cette condition est la raison majeure pour laquelle la société savante américaine, donc d'expression anglaise, n'a pas préconisé l'anglais comme langue auxiliaire internationale. Elle a parlé scientifiquement, sans but de donner à une ou plusieurs nations la prédominance sur toutes les autres.

En anglais, l'écart entre le parler et l'écrit est formidable; c'est là une très grosse difficulté pour l'étranger.

D'ailleurs l'anglais, comme les autres langues européennes, fourmille d'expressions particulières, dénommées idiotismes (pourquoi pas « idiomismes »?), que, bien plus encore que les particularités grammaticales, il est difficile de se mettre dans la mémoire.

Celui qui, dans des écrits importants ou devant une grave assemblée, s'exprimerait dans une langue autre que la sienne, en introduisant dans son écrit ou son discours les idiotismes de sa propre langue, se couvrirait de ridicule. Et celui qui, dans des circonstances sérieuses, s'exprimerait en anglais avec une prononciation non orthodoxe, ne relèverait certainement pas son prestige. Le prestige est indispensable dans les assemblées internationales, et pour l'auteur d'écrits de quelque importance. La langue auxiliaire internationale doit pouvoir être employée « convenablement » par des hommes de toutes nationalités, dans tous les domaines, si élevés qu'ils soient.

La langue de Zamenhof (l'esperanto) est tout-à-fait conforme aux conclusions de l'« American Philosophical Society ». Elle dérive, **de façon toute naturelle,** des langues européennes qui ont évolué historiquement. Elle évite toutes leurs complications. Ces complications sont « inutiles »; c'est prouvé par le fait que certaines d'entre elles existent dans une langue et sont absentes d'une autre. Par exemple les différences de désinences verbales pour les diverses personnes d'un même temps existent en français, où elles font double emploi avec les pronoms personnels; elles n'existent que dans une faible mesure en anglais; les déclinaisons, difficultés de diverses langues, n'existent pas en français; l'écart très considérable entre l'orthographe et le parler, en français et en anglais, a presque disparu du néerlandais.

L'inutilité de ces complications est encore démontrée par le fait que l'esperanto, qui en est exempt, possède une littérature d'œuvres originales et de traductions d'œuvres célèbres, où les idées les plus abstraites et les poésies les plus délicates sont exprimées avec précision et élégance.

L'esperanto n'a pas d'idiotismes; les expressions y relèvent uniquement de la logique.

C. V.

## AKADEMIO DE ESPERANTO

Sinjoro Inĝeniero J. R. G. Isbrücker, Prezidanto de la Akademio de Esperanto, sciigis jenon :

« La dua mondmilito, kiu kaŭzis tiom da malordo, precipe en internaciaj aferoj, tute malebligis la funkciadon de niaj Lingvaj Institucioj, la « Lingva Komitato » kaj ĝia « Akademio », dum longa tempo.

» Kiam post la milito ni rekolektis niajn fortojn, kaj klopodis refunkciigi la « Lingvan Komitaton », la momento ŝajnis oportuna por konsideri ĉu ni devas rekomenci nian laboron en precize la sama formo kiel antaŭ la milito, aŭ ĉu ni devas apliki reorganizon, same kiel tio okazis en tiel multaj fakoj de la socia vivo.

» La sufiĉe granda amplekso de la « Lingva Komitato » (pli ol 100 membroj), kaj la duobla organizaĵo de « Lingva Komitato » kaj « Akademio », en la pasinteco ofte montriĝis malpraktikaj, kaj el tio naskiĝis la ideo anstataŭigi la du komitatojn per unu sola kun malpli granda nombro da membroj. La fakto ke la « Lingva Komitato » dum la milito perdis proksimume la duonon de siaj membroj faciligis la vojon al tia decido. La rezulto de diskutoj kaj voĉdonado inter la restantaj membroj de la « Lingva Komitato » estas ke nova statuto estas akceptita, kiu reformas la Lingvajn Instituciojn kaj lasas nur unu komitaton de proksime 40 membroj, kun la nomo « Akademio de Esperanto ».

» Tiu « Akademio de Esperanto » do de nun anstataŭas la ĝisnunan « Lingvan Komitaton » kaj ĝian « Akademion », kaj transprenas kaj daŭrigas iliajn taskojn. »

El la Statuto ni ĉerpas jenajn ĉefajn indikojn : La **nuna Akademio de Esperanto** NE konsistas el reprezentantoj de iuj ajn organizaĵoj, sed el kleraj, kompetentaj kaj agemaj esperantistoj. La Akademio povas akcepti **konsilantajn komitatojn** de la Akademio, **gvidatajn de unu aŭ pluraj Akademianoj**. En la Akademio mem estos sekcioj pri « gramatiko », « ĝenerala vortaro », « teknikaj vortaroj », k.t.p.

Ni ĝojas pri la rejuniĝo de **la plej grava el ĉiuj organizaĵoj esperantistaj.** Ni esperas ke ĉiuj kleraj esperantistoj volos ĝin helpi.

C. VANDEVELDE.

---

## LA ESTRARO PAROLAS...

— La Estraro petas la membrojn ke ili bonvolu, sen ia alia peto, pagi la kotizon por 1949, laŭ tarifo montrita sur la lasta paĝo de tiu ĉi kajero. Ili speciale estas atentigataj pri la titolo de bonfaranta membro kiun ili facile povas akiri pagante aldonan sumon de almenaŭ 25 fr.

— La membroj loĝantaj en provincaj urboj kaj urbetoj estas petataj konigi al la ĝenerala sekretario nomojn kaj adresojn de lokaj gazetoj.

**Al la grupaj kasistoj.** — La grupaj kasistoj estis informataj ke la membroj de ilia grupo ricevos la gazeton kaj la membrokarton nur kiam la kotizo estos alveninta al la Liga kasisto.

Ili do estas petataj alsendi regule la ricevitajn kotizojn ĉar post kelka tempo Belga Ligo instigos la nepagintojn al repago.

Neregula transsendo de la kotizoj okazigus superfluajn korespondaĵojn.

## BELGA KRONIKO

— *En la Ruĝa Kruco.* — Nia vicprezidanto S-ro Maurice Jaumotte estis honorigata, dufoje en la daŭro de unu monato, nome la 9-an de Oktobro kaj la 28-an de Novembro, de la Ruĝa Kruco de Belgujo, kies Centra Komitato nomis lin kiel Provincan Vicprezidanton en Antverpeno, dum la gvidantaro de la Junulara Ruĝo Kruco elektis lin kiel Adjunkt-Nacian Komisaron de la Kadeta Servo de tiu organismo.

— *Honorigo.* — Ni havas la plezuron gratuli S-ron Tassin, kasisto de Belga Ligo Esperantista, kaj Sekretarion de la Loviera Sekcio de « Alliance Industrielle », kiu de kelkaj semajnoj estas honorigata per la unuaklasa Medalo Industria.

— *Brusela Grupo.* — Programo de la venontaj kunsidoj kiuj okazos estonte en la **Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein, Bruselo.**

Januaro : la 3an, parolata ĵurnalo; la 10an, S-ro Guyot, pri « Abelkulturo »; la 17an, ĝenerala kunsido, raporto de la Prezidanto, de la sekretariino, de la kasistino, elekto de la Komitato; la 24an, S-ro Hart, pri « lo Ajn »; la 31an, S-ro Verdier, « Unuaj balbutoj ».

Februaro : la 7an, Parolata ĵurnalo; la 14an, S-ino Richard, « Gajaj Rakontoj »; la 21an, S-ino Elly Staes, pri « Guido Gezelle »; la 28an, S-ino Stern, « Ĉu Justeco ? ».

Marto : la 7an, Parolata ĵurnalo »; la 14an, S-ro Castel, « Volapük kaj Esperanto », legado de artikolaro de Zamenhof; la 21an, S-ino Ernst, « Ĉiu Esperantisto devas scii tion ! ».

— *La Verda Stelo.* — Ĉiuvendrede je la 20.30a horo en « Witte Leeuw », 4, Frankrijklei, Antverpeno, semajna kunsido. Detala programo en la tagaj ĵurnaloj.

— *Karloreĝo.* — *La Ankro,* 60, rue du Grand Central. — Je la 5a de Decembro, la karloreĝa grupo « La Ankro » ĝoje festis la unuan datrevenon de nia naskiĝo, kaj la 70an datrevenon de la 1a esperantista kunsido organizita de Zamenhof.

Je tiu okazo nia Prezidanto aranĝis kunvenon en sia hejmo, ne kutima kunveno, ĉar ĝi daŭris de la 13a ĝis la 23a en loko agrable ornamita de S-ino Juste per steloj kaj per nia flago. Priskribi detale kion oni faris postulus tro da loko; oni multe babiladis, oni aranĝis spritajn ludojn, oni kantis, oni legis versaĵojn (oni eĉ trinkis kaj manĝis verdaĵojn). Resume oni kunsidis « per mildo kaj ĝojo », kiel diras nia devizo. Dank'al niaj gastigantoj, tiu tago estas memorinda por ĉiuj grupanoj niaj, ĝi montris ke R. B. L. E. firme staras en Karloreĝo.

— La juna *Grupo Karloreĝa « Ankro »* eldonis propagandan bultenon nomitan « La Ankro ». En ĝi ni rimarkas akrostikon je la honoro de S-ino Paŭlus, vigla laborintino por la latsjara kongreso de nia Ligo. Tiu Bulteno havas aldonon nomitan « la Kankro », fantazia revuaĉo, kiu montriĝas malaĉa.

Niaj Karloreĝaj amikoj laboras ĝoje.

— *Gent'a Grupo de Reĝa Belga Ligo Esperantista.* — 1949. La Januaraj kunsidoj okazos je la sabatoj 8 kaj 22. Por Februaro, la datoj estas 12 kaj 26. Kiel kutime oni kunvenos ĉe Bisdomkaai, 1, je 17 horoj.

---

## ANONCETOJ

**Trilinia anonco kostas 15 belgajn frankojn aŭ 5 internaciajn respondkuponojn. Sin turni al R. B. L. E., 19, avenue Montjoie, Bruselo.**

— Jozef JANUSEK, 24 Dohyval, ZILINA, Ĉeskoslovensko, 23jara oficisto, deziras korespondi kun samidean(in)o, pri lando, historio, vivo, naturo, kulturo.

— Paul KOMPOSCH, 30/II Alterplatz, KLAGENFURT, Germanujo, deziras interŝanĝi komunajn p.m. uzitajn kun komencantoj.

— J. Howard SCOTT, instruisto, 257, Pomona Street, INVERCARGILL, Nov-Zelando, eklernas Esperanton. Serĉas korespondanton por interrilati kaj interŝanĝi leterojn pri kutimoj, popolaj agmanieroj, kulturo, k.t.p.

— Miloslav FILKA, Storjanova 6/III, BRNO, Ĉeskoslovensko, jura studento 26jara serĉas korespondant(in)on en Belgujo.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Adv. A. JUSTE, Fleurus.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Helpa Kasistino :* S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... ... . ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 35

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 120
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... . . ... ... ... ... ... ... ... ... 185
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18 rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98